6a jaro Julio 1954 No. 6

# BULTENO

de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj





Sekretariejo:
Orteliusstraat 108III Amsterdam

Redaktejo:
von Liebigweg 26 Amsterdam

## NIAJ KONGRESOJ

Ĉu ni devas akcepti aŭ rifuzi la aliĝojn al niaj kongresoj de kolegoj, kiuj ne scipovas Esperanton ? Jen grava demando.

Dum la kongreslaboroj de nia lasta kunveno en Verona aŭdiĝis sugestoj por malakcepti aliĝojn de personoj kiuj ne kapablas paroli Esperanton. Laŭ mia opinio la afero estas jam komplikita, kaj antaŭ ol esprimi kondamnon aŭ aprobon, ni devas bone ĝin pripensi.

La sperto diras al ni, ke la L.K.K. devas rigardi la medalon de ambaŭ flankoj, ĉar de unu flanko ĝi vidas nur Esperanton, sed de alia ĝi estas devigata atenti la financan eblon.
Ni ja scias, ke por bone aranĝi (organizi) kongresojn, oni bezonas multe da mono. Poste ni ne forgesu, ke ne ĉiuj familianoj (legu edzinoj) parolas Esperanton, kaj devigi ilin resti hejme, ne estas facila tasko, aŭ se ili partoprenas la kongreson, estas stultaĵo postuli ke dum la tuta semajno ili restu kun fermita buŝo kiel mutulinoj.
Laŭ mia opinio estas konsilinde aranĝi la aferon tiamaniere:
La L.K.K. devos malpermesi porti Esperantajn insignojn al la partoprenantoj, kiuj ne kapablas balbuti, jes, nur *balbuti*, Esperanton.
Kaj jen la kialo:
Dum la vojaĝo de Verona al Venecio, kiam la konduktoro de la trajno petis la kongresanojn montri la vojaĝbiletojn, multaj prezentis la kuponojn, validajn por la tagmanĝo kaj por la ŝip-ekskurso. Ili pensis ke la L.K.K. mendis rezervitan vagonaron, same kiel estis farita por la ekskurso sur la Garda Lago.
La deĵoranta fervojisto vokis min por klarigi la aferon, sed bedaŭrinde mi ne ĉiam suksesis, ĉar iu respondo estis enigmo por mi. . .unu sinjoro, malgraŭ ke li havis en la butontruo du (2) Esperantajn insignojn, respondis: *Nicht Esperanton, Dojĉ ! Dojĉ? Mi bone komprenis ke li estas Germano, sed bedaŭrinde mi ne komprenis la vortojn kiujn li aldonis. Tia malagrablaĵo estas bona materialo por la malamikoj de Esperanto, ĉar ili povos diri: *Al IFEF-kongresoj partoprenas multaj Esperan-

to-insignoj.......sed malmultaj Esperantistoj. Konkludo: mi donos la parolon al niaj eminentuloj, estante certa, ke ilia sperto permesas eldiri seriozan juĝon.

Zoratti Angelo, Italio.

*Ankaŭ al ni malagrable impresis la konstato, ke ĉiam pli da profitemuloj misuzas la aranĝojn de IFEF por ĝui agrablan libertempon.*
*Ni serĉas rimedojn por eviti tiun danĝeron, sed ni devas agi Prudente, por ne fortimigi la verajn amikojn kaj simpatiantojn al nia movado.*
*Ne estas hazarde ke s-ro Walder sendis al ni projekton de kongresregularo, kiu donas la eblon bari la vojon al tiuj, kiuj neniel simpatiantaj kun Esperanto, tamen ne havas skrupulojn profiti per ĝi.*
*Grava plibonigo jam estas atingebla se la estraroj de la landaj rondoj kaj la vojaĝgvidantoj povus iom pli severe kontroli la aliĝojn.*
*Ni volonte akceptas tiurilatajn sugestojn.*

*La ĉefestraro.*

## RAPORTO PRI LA LABORKUNSIDOJ

La Prez. W.Stapel enkondukas la laborkunsidojn per malferma parolado, en kiu li kore bonvenigas la ĉeestantojn. Larĝe kaj detale li donas superrigardon pri la laboroj en la pasinta jaro, pri la favora evoluado en nia organizo kaj konstatas gravan kreskon pri kiu ni ne rajtas plendi. La membronombro kreskis al 1600 kaj aliĝis al IFEF kekolegoj el 4 novaj landoj, nome, el Usono, Jugoslavio, Portugalio kaj Sarlando. Entute la rezultatoj tiurilataj estas esperigaj por la estonto.

Pri la Terminaro ni havis gravan zorgon. Pro laborcirkonstancoj la Gvidanto de la T.K., S-ro PAPE, ne plu povis dediĉi sian tempon al ĝi sed dank' al la granda aktiveco de la Francaj kolegoj kaj speciale de S-ro Blondeaux granda parto de la laboro estos baldaŭ preta kaj ni povos montri konkretan rezultaton al la mondo.

La kunlaboro kun la diversaj Esperanto-organizoj estis kontentiga kaj precipe tiu kun UEA estis bona. Bedaŭrinde kun SAT ne en sama grado ĉar post la forsendo de la mono la kasisto eĉ ne ricevis respondon pri bona ricevo.

Por nia Bulteno ni ricevis gravan subvencion de la Svedaj IFEF-anoj. kiuj propravole decidis plialtigi la kotizon denove. Koran dankon!

Ankaŭ en tiu ĉi jaro pro morto du el niaj kolegoj forlasis nin W. Tekamp el Nederlando kaj E. Hung el Svislando. Mi petas al vi leviĝi de viaj seĝoj por memorigi kaj honori ilin....., ke ili ripozu pace.

Al vi mi do povis doni ĝenerale kuraĝigajn informojn, kiuj estu stimulo por la laboro nun komenciĝanta. Ne indulgu la ĉefestraron per via kritiko kaj ni transiru al nia labortasko kun freŝa entuziasmo.
Post tiu ĉi malferma parolado de la laborkunsidoj la Sekr. J.LOK voĉlegas la ricevitajn salutleterojn kaj telegramojn.

Pri *punkto 3a* de la tagordo, * rimarkigoj pri la raporto de la pasintjara kongreso* oni nur unuanime aprobis ĝin kaj laŭdis la kompilinton pro la farita laboro.
*Punkto 4a:* Raportoj de la Sekr. Kasisto, Redaktoro kaj de la diversaj komitatoj, estis pritraktataj. El tiuj nur la raporto de la kasisto postulis kelkajn informojn kaj klarigojn. *Labordus* (Nederlando) demandas ĉu ne estas debitoroj, kiun demandon la kasisto nee respondas. La landaj kasistoj pagis regule la kotizojn sekve ne estas debitoroj. *Walder.* (Svisio) petas publikigi financan raporton pri la okazinta kongreso kaj demandas ĉu eventuala profito fluas al la kaso de IFEF.
*La Prez:* respondas, ke la ĉefestraro neniam ricevas financan raporton el la landoj kie okazas kongreso. La LKK respondecas pri la financa rezulto, ĝi ĝenerale ricevas subvenciojn kaj monajn garantiojn kaj eventuala profito tre verŝajne fluas al la kaso de la landaj Asocioj. Kun danko la raportoj estas unuanime akceptataj.
*La proponoj:*
La unua propono koncernas la nomŝanĝon de IFEF, kiu gramatike ne estus ĝusta. Multaj delegitoj esprimis pri tio sian opinion sed el la viglaj diskutoj tutklare montriĝis konservi la ĉefliterojn IFEF, tiu forta deziro superregis la negravan gramatikan malĝustaĵon. La ĉefliteroj IFEF havas jam nesubtakseblan famon kaj oni ne oferu ĝin. La ĉefestraro turnis sin post la ricevo de la propono al akademiano, kiu interalie rekomendis aldoni interligan streketon inter Fervojista-Esperantista. Tion la kongreso unuanime akceptis kaj la nomo do restu: Internacia Federacio Esperantista-Fervojista.
*La kongreso ekzamenu la kunlaboron de IFEF kun FISAIC* estis la dua propono. FISAIC estas la Internacia Organizo de kulturaj unuiĝoj fervojaj. *F-ino Lemonnier* (Francio) enkondukas la diskutadon kaj varme rekomendas la kunlaboron kun FISAIC. La Franca Fervojista Esperantista Asocio estas aliĝinta al tiu organizo kaj ĝuas gravan subtenon de tiu organizo, kies Prezidanto S-ro Mollion estas tre simpatia al nia movado. La kunlaboro povas esti diversspeca, ekzemple aranĝi ekspozicion dum la IFEF-kongreso, en kiu estas montrataj la pentraĵoj ktp.
La Belga delegito, *De Bruyne,* subtenas la proponon kaj mencias parton el la leteron de la Belga Direkcio, kiu ne povis sendi reprezentanton al nia kongreso ĉar ĝi opinias neeble sendi reprezentanton al ĉiu kongresanta fervojista organizo. La sveda delegito, *örtengren,* rimarkigas, ke en Svedio ne ekzistas tia organizaĵo sed Hoby-movado inter la fervojistoj. Li tamen povas subteni la proponon de Francio. Ankaŭ *Sonderegger* (Svisio) kaj *Labordus* (Nederlando) pretas subteni la proponon. Montriĝas, ke la plej multaj landoj jam aliĝis al la koncerna kultura Organizo en la respektivaj landoj.
*La sekr. Lok,* respondas kaj proponas peti al FISAIC prizorgi la artan kaj amuzan partojn de la kongreso. FISAIC prizorgu tion ekster IFEF sed okaze de kongreso. La prez. diras, ke laŭ la spertoj pli da rezultatoj atingas la sportorganizoj ol nia kultura organizo.
La propono unueanime estas akceptata sekve la tasko de la landaj sekcioj estu aliĝi al FISAIC.

*IFEF ŝanĝu la nomon de siaj kongresoj* estas la 3a propono, kiun *S-ro O.Walder* rekomendas. La Svisa delegito klare defendas la proponon per celtrafaj argumentoj. Supraĵe la propono ŝajnas ne multsignifa sed per la nomŝanĝo oni pli akcentas la uzadon de Esperanto dum la kongreso. *De Bruyne* (Belgio) samopinias kaj ankaŭ la ĉefestrarano, *de Jong*, opinias, ke la svisaj kolegoj havu la rajton fiksi la nomon de la kongreso kaj forte rekomendas la proponon. Neniu estas kontraŭ la propono.
La 4a propono pri eldono de kompleta membrolisto kreas viglajn debatojn. La ĉefestraro jam aldonis komenton al la propono en Bulteno kaj S-ro *Simon* (Germanio) vidas nun la neeblon de tio. Anstataŭe li petas en Bulteno publikigi la nomojn de lokaj reprezentantoj. *Zink* (Aŭstrio) en la pasinto jam faris multe da laboro por kompili adresaron en kunlaboro kun Angermayer el Linz, ĉio estis jam preta por sendi al presisto. Li proponas prokrasti la aferon ĝis la membronombro estu pli stabila. *De Bruyne* (Belgio), ni klopodu enpresigi en UEA aŭ SAT-jarlibroj liston de stacidomoj en kiuj deĵoras Esperantisto. *Sonderegger*(Svisio) petas ĉiujare enpresigi liston de landaj perantoj en Bulteno por ke ankaŭ novaj membroj havu liston. *F-ino Lemonnier* (Francio) kaj Walder (Svislando) prefere subtenas la proponon de De Bruyne kaj IFEF kolektu la materialon. *De Jong* ( Redaktoro) proponas akcepti la proponon en tiu senco, ke ni enpresigu en Bulteno liston de personoj, kiuj estas pretaj helpi vojaĝantojn kaj aldoni, kiuj el ili laboras en Stacidomo. En tiu senco la propono estas akceptata.
Al la diskutado pri propono 5a partoprenis ĉiuj delegitoj ĉar montriĝis, ke multaj havis malagrablajn spertojn apud agrablaj. La ĝenerala sekretario, *LOK*, mencias kelkajn faktojn. Li atentigas, ke la ĉefestraro jam multe faris por faciligi feriajn interŝanĝojn per enpresigo de la adresoj de la diverslandaj estraroj kaj lokaj reprezentantoj en nia Bulteno. Niaj Danaj kolegoj kompilis regularon por la vojaĝemuloj, kiu ankaŭ aperis en Bulteno. Malgraŭ ĉio la afero estas malfacile kontrolebla por la helppretaj gekolegoj en la diversaj landoj kaj ofte montriĝis, ke la helpserĉantaj kolegoj ne atente tralegis la koncernan regularon kaj kaŭzis ekstrajn elspezojn al lokaj reprezentantoj. Ofte oni turnas sin al la ĉefestraro, kiu ne ĉiam disponas pri la necesa tempo. *De Bruyne* (Belgio) proponas, ke ni akceptu, por eviti profitemulojn, ke ĉiuj anoj, kiuj bezonas helpon, sin direktu por kontakto al sia landa estraro. La estraro konas la anojn kaj tiel montriĝos per atesto, ke la laboro estas por IFEF-ano. La propono de De Bruyne estas akceptata.
La IFEF-estraro akceptas la proponon 7an pri oficiala skribpapero. La ĉefestraro prokrastis la presadon pro eventuala nomŝanĝo. Montriĝis, ke diversaj landoj deziras uzi la paperon sed la skribpapero estos oficiala. La landaj Asocioj tamen laŭvole povos mendi certan kvanton ĉe la ĉefestraro kaj uzi stampon por sia lando. La propono estas akceptita. Do ĉiu lando povas mendi la bezonatan kvanton.
*Thorsted* (Danio) komentas la proponon 7an pri pago de la vojaĝo al la kongresoj por la nun pensiumita sekretario LOK. Nia sekretario estas la inicianto de nia movado, ni ĉiuj ne nur konas lin sed krome laŭdas lian laboremon. Li opinias, ke Lok estas nemankipova por nia Federacio.

(Forta aplaŭdo). *La sekr. LOK* emociiĝis pro la al li tre simpatia gesto de la Danaj geamikoj kaj ankoraŭ pli pro la forta aplaŭdo, kiu substrekis ĝin. Havi vastan rondon da geamikoj estas por li agrabla rekompenco sed kun danko sincera al ĉiuj li devas malakcepti la proponon. La elspezoj por la eksterlandaj vojaĝoj sendube estos tro altaj por nia kaso kaj ni ne pligrandigu la ŝarĝon sur la ŝultroj de la LKK-oj. Povas esti, ke baldaŭ aliaj ĉefestraranoj estos pensiumataj kaj ili havas la saman rajton. Li havas alian ideon, t.e., klopodi akiri senkostajn biletojn de la Fervojaj Direkcioj por la pensiumitaj ĉefestraranoj pro kio ili havu tiurilate la saman rajtojn de kolegoj en aktiva servo. Provizore li ne vidas malfacilaĵojn ĉar venontjare la kongreso post akcepto okazos en Zürich kaj tutcerte li povos partopreni ĝin. Li promesas daŭrigi la laborojn por IFEF en ĉiaj cirkonstancoj.
*Ohlsen* (Svedio) laŭdas la sekretarion kaj forte apogas lian proponon. *Schinkel* (Nederlando) proponas atingi tion pere de FISAIC kaj ĉiu lando agu en tiu direkto. *Zink* (Aŭstrio) laŭdas kolegon LOK, la inicianton de nia movado. Estas devo de nia Federacio helpi lin. La propono de LOK li opinias la ĝusta vojo, ĉiu landa rondo stimulu la Direkcion. Poste ni klopodu atingi, ke ĉiu pensiumito en nia Federacio havu la senpagan bileton por viziti la kongreson de IFEF. Sed unue LOK restu en nia mezo malgraŭ ĉio. *LOK* aparte dankas la Danajn kolegojn. La kongreso decidas agi laŭ la diskutoj kaj kun danko al la Danaj gekolegoj malakceptas la proponon.
La propono de la ĉefestraro, ke la kotizo en 1954 restu la sama, estas aprobata post diskuto pri deziresprimo, ke la Bulteno pli ofte aperu.
En la estrar- kaj delegitar-kunveno Belgio prezentis novan proponon, kiu nun estis pritraktata. *Instali Esp-ekspozicion speciale por fervojistoj*. *De Bruyne* (Belgio) komentas la proponon kaj detale pritraktas la bezonatan materialon por la ekspozicio. La celo estas, ke okazu ekspozicio laŭvice en ĉiu stacidomo, ĉiu kaj ĉie oni kolektu materialon. En Belgio ni jam havas permeson kaj li kredas ke pere de FISAIC ni ankaŭ povas atingi tion en aliaj landoj.
*F-ino Lemonnier* (Francio), *Thorsted* (Danio) kaj Sekereŝ (Jugoslavio) parolas pri spertoj en siaj landoj. *De Bruyne* (Belgio) proponas, ke oni elektu en ĉiu lando unu personon por sugestoj kaj li mem akceptas la respondecon por gvidadi la tuton. Post mallonga diskuto pri la uzado de vagono por la ekspozicio, kiu pli facile estas transpotebla de Stacidomo al stacidomo, la propono de De Bruyne estas akceptata.
Sekvis la lasta propono laŭ cirkulero antaŭe senditaj al la landaj estraroj pri Internacia aŭ Tuteŭropa Fervojista Konferenco en Saarlando. *Höh* (Saarlando) komentas sian inviton, kiun li sendis komence de la jaro al la ĝenerala sekretario de IFEF. Li konvinkiĝis, ke nur fervojistoj sukcesplene povas organizi tian konferencon kaj ĝis nun neniu Esperanto-konferenco okazis en Saarlando. Li petas la subtenon de IFEF por organizi la konferencon por montri al la plej altaj instancoj kaj la publiko, ke ESPERANTO taŭgas kiel Internacia Interkomprenilo.
*La sekr. LOK* klarigas la kialojn ne akcepti tuj la afablan inviton sed

unue pritrakti ĝin en estrarkunveno de IFEF kaj poste informi la landajn estrarojn per cirkulero. La afero estas tiom grava, ke ni ne rajtas riski fiaskon pro nesufiĉa antaŭpreparado. Ne estus malfacile en mallonga tempo organizi la konferencon sed por sukcesigi ĝin ni almenaŭ nepre bezonas la certecon pri partopreno de multaj landaj delegitoj. Pro nia propra kongreso en Verona kaj pro la multaj feriaj semajnoj en diversaj landoj jam organizitaj la parolanto timis malsukceson, kio kaŭzus al nia movado domaĝon. Pli bone estas kombini la konferencon en Saarlando al nia venontjara kongreso en Zurich, ekzemple antaŭ aŭ post la kongreso. Volonte li aŭdas la opiniojn de la delegitoj pri tio. *De Bruyne* (Belgio) opinias, ke pro feriaj malfacilaĵoj ni ne povas havi kongreson kaj konferencon en unu jaro. *O. Walder* (Svislando) proponas okazigi la postkongresan ekskurson al Saarlando. *F-ino Lemonnier* (Francio) ni ne mallongigu la kongreson sed proponas vojaĝi post la kongreso al Saarlando kaj tiel plilongigi la kongreson per aparta konferenco en Saarlando. La propono de Francio estas akceptata.
*Estrarelekto:* S-ro *O. Walder* (Svislando) anstataŭas dum la elektado la Prezidanton. Li esprimas la grandan fidon en la nuna estraro kaj li proponas reelekti la tutan ĉefestraron per aplaŭdo. Kun forta aplaŭdo la ĉefestraro estas reelektita. Poste S-ro Walder esprimas la esperon nome de la kongreso, ke la ĉefestraro dum multaj jaroj daŭrigu la taskon. *La Prez.* dankas la ĉeestantojn pro la granda fido en la estraro.
*Kaskontrolkomitato:* Kiel nova ano de la kaskontrolkomitato estas elektita, Vermaak el Utrecht.
*La konfliktkomitato* ne bezonis interveni en la pasinta jaro la anoj de tiu komitato estas ĉiuj reelektitaj kaj restas en ĝi la kolegoj Hartjen, Thorsted kaj Bouwkamp.
*Elekto de la kongresloko* en 1955 kaj la provizora en 1956: *Walder* nome de la Svisa Asocio de Esperantistaj Fervojistoj invitas la kongreson en 1955 en Zurich. Tiu urbo estas grava fervoja centro. La Svisa rondo jam interrilatas kun Direkcio kaj Sindikato kaj jam ricevis moralan kaj financan garantiojn. La nombro da anoj ne estas granda en Zurich sed certe helpos la Svisa Esp-movado. La provizora LKK jam havas multajn planojn kaj promesas fari sian eblon por ke la kongreso plene sukcesu. Venu multnombre! Kun longdaŭra aplaŭdado la kongreso akceptas la invition. *Hartjen* (Germanio) kiel provizoran kongreslokon proponas Finlandon sed *Korpi* (Finlando) opinias la Esp-movadon en sia lando ankoraŭ tro malforta.
Li esperas inviti la kongreson estontece. *Örtengren* (Svedio) provizore invitas la kongreson en 1956 al Stokholmo, kion la kongreso kun aplaŭdo akceptas. *Thorsted* (Danio) provizore jam invitas la 10an kaj ĉar niaj Jugoslavaj geamikoj aludis pri invito de nia 9a, ni havos dum la venontaj kvar jaroj tegmenton super la kapo.
Dum la *libera diskutado* multaj kolegoj petis la parolon. *De Bruyne* (Belgio) petas kompili kongresregularon kaj ebligi la kontroladon de la kaso. Li esperas, ke oni dum la kongresoj nur uzu Esperanton, ankaŭ kiam du samlandanoj interparolas, kaj dezirus, ke el ĉiu lando kelkaj vizitu la sekvontan kongreson vestitaj en deĵorvestoj. *Labordus* (Ne-

derlando) diras: ke por havigi senkostajn biletojn al pensiumitaj kolegoj, kiuj deziras viziti la kongreson, oni palpe interrilatu kun la Direkcioj. Eble prefere per FISAIC. *Walder* (Svisio) opinias, ke kongresregularo estas necesa. En tiu ĉi kongreso ni faris la unuan paŝon rilate al fakprelegoj kun bonega sukceso sed estos eble ankoraŭ plibonigi ĝin. Li proponas eknomi komitaton por la fakprelegoj konsistanta el unu ano de la LKK, unu ĉefestrarano kaj unu ano de la venontjara LKK.
*Sekereŝ* (Jugoslavio) petas okazigi en la venonta kongreso denove ekskurson al laborejo. *F-ino Lemonnier* (Francio) konstatis, ke multaj ne-Esperantistoj vizitis la kongreson. Tio estas bona se ili estas lernantoj sed ne se ili partoprenas pro vojaĝemo. Rilate la fakprelegojn ni nun revenos en niaj landoj kun rezultato. Ŝi subtenas la deziron de Sekereŝ pri vizito al laborejo. La LKK meritas nian laŭdon ĉar ĝi devis solvi multon. Okazis, ke alvenis tutaj grupoj, kiuj antaŭe ne anoncis sin. Tio ne estu ebla en la estonteco. Ŝi ankoraŭ atentigas, ke la Terminaro en Esperanto nun baldaŭ aperos kaj oni jam nun povas mendi ĝin. Forte ŝi rekomendas viziton al Gresilon, la propran domon de la francaj Esperantistoj kaj kore invitas ĉiujn. F-ino Lemonnier dankas kaj laŭdas la LKK-on kaj ĝiajn kunlaborantojn nome de la francaj anoj.
*Thorsted* (Danio) dankas la LKK-on sed ne estas kontenta pri la kongresanoj ĉar pro malfruiĝo en la unua haltejo dum la ekskurso sur la lago de Garda ni perdis unu horon.
*Ohlsen* (Svedio) substrekas la dankvortojn al la LKK kaj ankaŭ la proponon de Walder fiksi kongresregularon. *Hartjen* (Germanio) diras, ke s-ro Giessner kunportis 200 faldfoliojn Esperantlingvajn el Germanio. La membroj povas ricevi ĝin. La landaj rondoj klopodu atingi, ke en la horaroj aperu Esperantlingva klarigo same kiel pasintjare en la Germana.
*Schinkel* (Nederlando) kaj *Zink* (Aŭstrio) dankas la LKK-on.
*LOK* (sekretario) proponas sendi dankleteron al la Germana kaj Itala Direkcioj Fervojaj pro la favoraĵoj rilate al la plifaciligo de la vojaĝoj por la familianoj al la kongreso. Li atentigas elekti novan temon por la fakprelegoj en la venontjara kongreso kaj proponas aranĝi en la venontjara kongreso ekskurson por la virinoj dum la laborkunsidoj.
Krome li proponas la jenan rezolucion al la kongreso:
*La VIa Internacia Kongreso de Fervojaj Esperantistoj, antaŭ ol fini siajn laborojn, stimulas inviton al la paco inter la popoloj kaj esprimas sin unuanime, ke oni ne uzu atombombon por eviti la plej grandan domaĝon al la tuta homaro.* La kongreso akceptas.
*F-ino Lemonnier* (Francio) en sia parolado pri la ekspozicio sugestis, ke la infanoj de la membroj faru du desegnaĵojn pri infanvestoj en siaj landoj. Oni sendu la materialon al IFEF por disdoni al landoj, kiuj deziras tion.
*La Prez. Stapel* respondas la parolintojn, petas al Walder kompili kongresregularon, kiu akceptas la peton. Rilate al senpagaj biletoj por la pensiumitaj kolegoj por viziti niajn kongresojn la ĉefestraro faros sian eblon sed ciuj kunlaboru en la respektivaj landoj. La propono de De Bruyne kunporti deĵorvestojn ne estas alloga sed pli grandigas la kunportatan pakaĵon. La ĉefestraro ĝojas pri la progresoj de la Termi-

nara Komitato kaj deziras al ĝi la plej bonan sukceson. Kiel komitaton por la fakprelegoj oni eknomas, de Jong (ĉefestrarano), Walder kiel ano de la venontjara LKK kaj Ôrtengren kiel ano de la provizora kongreso. La temo por la venonta kongreso estu *Instruado de lokomotivistoj kaj teknikistoj*.
Nia 6a estas nun finita kaj kvankam ni konstatis kelkajn mankojn ni nur povas laŭdi la LKK-on, kiu fakte nur kelkope faris la antaŭpreparojn. Ni daŭrigu nian laboron por ke Esperanto venku la mondon. Sekvu la ekzemplon de nia Majstro. En tiu senco ni adiaŭu unu la alian kaj mi fermas la kongreson instigante ĉiujn al aktiva laborado. Ĝis la revido en Zurich! Komune la kongresanoj kantas la himnon.

Kompilanto E.D.

Partoprenis 14 landoj kaj entute 582 ĉeestis la kongreson.

## EL RODEZIA FERVOJA GAZETO NOVEMBRO 1953



Traksternado estis sufiĉe akcelata per la uzo de simplaj manfunkciigitaj relportiloj per kiuj kvar Afrikanoj povas movi relojn samfacile kiel dekduo ĝis dek kvar homoj, laŭ la malnova metodo.

Tiu ĉi simpla inventaĵo estis enkondukita de s-ro A.S.I. Tiffen, Konstrua Inĝeniero, Rodeziaj Fervojoj, Bulawayo, kaj jam donis bonajn rezultatojn.

Ĉiu portilo konsisatas el rado kun kaŭĉuka radringo ĉirkaŭ 25 cm en diametro kaj estas puŝata per longaj forkaj teniloj.
Post la rado pendas tenajlo sur turnjunto. La portantoj, unu ĉe ĉiu relfino, povas levi relon el la stako kaj mallevi ĝin sur du specialajn transtrabojn. Poste ili movas siajn portilojn flanken al la ekstremoj, kaj nun per la tenajloj levas la transtrabojn.
Do kvar homoj, ĉiu kun portilo, antaŭenpuŝas la relon laŭlonge de ĝia fina loko.

La aparato estas fabrikata de ABTUS Ltd, Londono. La ŝanĝo por ĝin uzi laŭlonge estis elpensita de s-ro Tiffin.

E.M.Rosher.

## RADIO-ELSENDO DE DISERVO OKAZE DE LA U.E.A.-KONGRESO EN HAARLEM

La 1-an de aŭgusto ĉijare de la 11-a ĝis la 12-a horoj matene okazos kongresa Diservo
La Nederlanda intereklezia radio-komitato dum tiu ĉi dimanĉo aranĝos radian elsendon je stacio Hilversum II, ondolongo 298 M.

La predikisto de tiu ĉi Diservo estos pastoro F.A.Hofman, reformita pastoro en Arnhem, Nederlando.
Post la 1-a de aŭgusto vi senpage povos akiri la predikon se vi skribas al *Interklezia Radio-komitato IKOR,'s-Gravelandseweg 55 Hilversum, Nederlando. Al via peto aldonu unu internacian respondkuponon.
Aŭskultu tiun ĉi gravan kongresan aranĝon, kaj skribu multnombre al la radio-oficejo.

## KELI-KONFERENCO DE LA 24-a DE JULIO GIS LA 31-a DE JULIO EN OOSTERBEEK, NEDERLANDO

La temoj por la konferenco estos: la kristano en la nuna socio.
a. Ĉu la Biblio estas ankoraŭ aŭtoritata?
b. Kiel funkcias la Biblio en la ĉiutaga vivo?
Informojn pri la konferenco ĉe S-ro A. Storm, Goudsbloemstraat 13-c, Vlaardingen, Nederlando.

## FERVOJISTOJ KAJ SONORILOJ

Per artikolo aperinta en la *Baltimore kaj Ohio Revuo*, publikigita de la Baltimore kaj Ohio Fervojo en Usono, oni legas ke lastatempe la fervojo fiere anoncas alvenon ĉe ĝia *Locust Point Marhaveno* en Baltimore, Maryland, de donaco de la popolo nederlanda al Usono, konsistanta el kvindek-sonorila sonorilaro, kiel danko pro la helpo de Usono dum la militaj kaj postmilitaj jaroj.

Oni transportis la sonorilaron al Vaŝingtono D.C., kie ĝi lokiĝis sur provizora loko en Okcidenta *Potomac Park* ĝis oni konstruos konstantan turon.

La donaco rezultis el vizito de ŝia moŝto Reĝino Juliana, en aprilo 1952 kiam provizora sonorilaro lokiĝis en *Meridian Hill-Parko* en Vaŝingtono. Dum la ceremonio Reĝino Juliana donis la plej malgrandan el la kvindek sonoriloj de la sonorilaro al Prezidanto Truman, kiu ĝin akceptis por la Usona popolo. Tiu sonorileto simbolas la pli grandan donaĵon liveritan al Vaŝingtono lastmonate (marto).

Je la 5-a de majo simpla ceremonio honoris la translokiĝon de la sonorilaro. Tiu aranĝiĝis okaze de muzika Semajno, la 2-an ĝis la 9-a de majo. Nederlanda Ambasadoro J.H.Kortenhorst, Prezidanto de la Dua Ĉambro de la Ŝtatoj Ĝeneralaj, ankaŭ Prezidanto de la Nederlanda Nacia Komitato *Sonoriloj por Ameriko*, kiu kolektis la monprovizon por la sonorilaro, veturis el Holando por reprezenti la nederlandan popolon.

Tiu ĉi neordinara ŝarĝo kaj la efikeco kaj rapideco per kiuj ĝi traktiĝis ĉe la Haveno de Baltimore, ilustras la kapablon de lertaj ŝipŝarĝistoj kaj B & O-laboristoj kiuj ĝin prizorgis.

John M.Robinson,
Riverdale, Maryland.

## EL LA GAZETARO

*SVISIO:*
La Svisa riĉe ilustrita ĵurnalo fervoja, SBB nachrichterblatt, rifuzis ĝis antaŭ nelonge obstine la enpresigon de artikoloj pri Esperanto. Ne malpli obstine niaj svisaj kolegoj klopodis atingi sukceson ĉe la Redakcio de tiu fervoja organo. La unua numero en 1954 de tiu organo montras al ni la rezultaton ĉar aperis en ĝi artikolo pri Esperanto. La artikolo mencias pri la kursoj inter la fervojistoj en Svisio, pri la jarkunveno de FFEA en Parizo kaj pri la VIa IFEF-kongreso en Verona. Niaj Svisaj kolegoj meritas nian laŭdon pro la brila sukceso kaj la Redakcio nian sinceran dankon pro la enpresigo.

*SVEDIO:*
Sub la emblemo de antaŭmilita insigno de la fervojistaj Esperantistoj aperis en la sveda fervoja ĵurnalo *S.J.Nytt* artikolo en Esperanto pri la Verona kongreso okazonta. Por ne maltrafi la propagandan valoron oni tradukis la tekston en la svedan lingvon.

En *Heroldo* No. 3 de Februaro 1954, aperis reklama anonco de la Svedaj ŝtatfervojoj en Esperanto, kiu rekomendas al la turismo fari rondvojaĝon en Svedio per la ŝtataj fervojoj. Bonega progreso!

*NEDERLANDO:*
La ĉiumonate dufoje aperanta Esperanto-gazeto *Heroldo*, kies Redakcio bonvole interŝanĝas kun IFEF la organojn, enpresigis en No. 4 de la 1/3 1954 artikolon pri nia VIa IFEF-kongreso. Tiu ampleksa gazeto donas ĉiajn novaĵojn el la mondo rilate al Esperanto kaj abonon al tiu gazeto ni volonte rekomendas al niaj membroj.

La nederlanda fervoja abstinencula unuiĝo sendis al ni la riĉe ilustritan jubilean libron okaze de la 25jara jubileo. Laŭ peto de la estraro la IFEF-estraro decidis sendi regule Bultenon al tiu unuiĝo.
Ni ĉiloke sincere gratulas la unuiĝon *SOV* okaze de tiu jubileo kaj esprimas la esperon, ke ĝi baldaŭ apliku Esperanton en la internaciaj interrilatoj, kio ankoraŭ plifirmigos la kontakton de la abstinenculoj fervojistaj en la tuta mondo. En IFEF estas sufiĉe da lokoj.

En la studorgano *La Progresanto* de Marto 1954* eldonaĵo de la Asocio de Laboristaj Esperantistoj, aperis anonco pri la VIa IFEF-kongreso kaj kelkaj notaĵoj el la raportoj.

*FINLANDO:*
La Finlandaj Esperantistoj decidis komune eldoni stencilitan organon, kies du unuajn numerojn ni ricevis. Al tio kunlaboros krom la du Esperanto-Asocioj kaj Instituto, la Esperantistaj instruistoj, Blindula Esperanto-Societo kaj la fervojistaj Esperantistoj. Tio sendube signifos gravan paŝon antaŭen. Ni tutkore gratulas niajn finlandajn samideanojn

kaj esperas, ke niaj IFEF-membroj en Finlando eluzu tiun okazon por la propagando inter la fervojistoj. La diversaj Esperanto-organizoj en Finlando ne nur eldonas komune organon sed ankaŭ komune kongresis dum pasko en Helsinki. Tia kunlaboro sendube kondukos al pli efika propagando por nia lingvo.

*AŬSTRIO:*
El Linz/Donaŭ ni ricevis du ilustritajn prospektojn, kies tekstoj sub la bildoj estis tradukitaj en Esperanton. Al la sendinto nian dankon.

*JAPANIO:*
El Japanio ni ricevis la No-jn 11 kaj 12 de *La Revuo Orienta* 1953. La enhavo de ambaŭ numeroj ĉefe temas pri la 40a kongreso de Japanaj Esperantistoj. En No.11 estas bildo pri la fakkunsido de la fervojistoj, al kiu partoprenis 5 kolegoj, i.a., nia membro S-ro Nobuki kaj kie oni priparolis la fondon de IFEF-sekcio en Japanio. Laŭ la raporto en No. 12 la kolegoj decidis: 1e Fari liston de Esperantistaj Fervojistoj alvokante la malnovajn kaj novajn samideanojn. 2e Aranĝi elementajn kursojn en diversaj lokoj se necese en malgranda skalo.
Malgraŭ la grandega distanco ni sentas nin forte ligitaj kun niaj kolegoj en la lando de la leviĝanta suno per nia komuna idealo. Ni esperu, ke tiuj kvin kolegoj baldaŭ decidu preni sur sin la gvidadon en Japanio kaj krom kolego Nobuki ankaŭ la aliaj kvar aliĝu al IFEF, tiam estos en Japanio ses IFEF-anoj, la necesa nombro por fondi landan IFEF-sekcion. Al ili ni deziras bonan sukceson kaj sekvos kun granda intereso la rezultatojn.

*BRITIO:*
En Revuo Esperanto Internacia, Centro de Esploro kaj Dokumentado esprimis sian koran dankon interalie al la redakcio de la IFEF-Bulteno pro la informoj bezonataj por la raporto al UNESKO.

*SVEDIO:*
En *Signalen*, la Sveda sindikata organo, No. 12 de Marto 1954a, aperis raporto pri la jarkunveno de nia Sveda IFEF-sekcio okazinta en Stokholmo. Koncize la verkinto donas superrigardon pri la pritraktitaj temoj kaj la elekto de reprezentantoj por la IFEF-kongreso en Verona. Aldone estas menciataj la nomoj de la estraranoj en Svedio kaj per instigo aliĝi al la Sveda IFEF-sekcio la verkinto finigas la artikolon. Tiun taskon oni plene povas konfidi al la prezidanto. Hj. Olsson, kion pruvas la aliĝo de multaj novaj membroj ĉijare en Svedio. Speciale menciinde estas, ke en Svedio nur aliĝas novaj gekolegoj sed eĉ ne unu eksiĝis en la pasintaj jaroj. Sinceran gratulon al niaj svedaj amikoj.

*ITALIO:*
En la taggazeto *L'Arena di Verona* de la 25a de Marto aperis sub Verona Kroniko tre bona artikolo pri la okazonta IFEF-kongreso. Sekve la loka gazetaro en la kongresurbo jam turnis sian atenton al nia movado.

*SVISLANDO:*
En *HEROLDO* de 1/4 1954 aperis artikolo pri la jarkunveno de la Svisa Esp-Societo, dum kiu ankaŭ la svisa IFEF-sekcio havis sian jarkunvenon. Tiu bone informita gazeto jam povis informi la legantojn, ke niaj svisaj kolegoj organizos la VIIan IFEF-kongreson en 1955 en Zurich. La Svisa Esp-Societo konsentis al niaj kolegoj deficitgarantion de 300 svisaj frankoj. Pro tio la IFEF-estraro ŝuldas multe da danko al SES pro la gesto de simpatio kun nia faka movado.

Laŭ artikolo en *Svisa Espero* nia kolego Otto Walder parolis dum la jarkunveno de la Svisa Esperanto-Societo pri la kongreso en 1955 de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj kaj samtempe petis la ĉisupre menciitan garantian sumon same kiel faris la fervojista sindikato kaj la urbo Zurich. Ni kore gratulas nian kolegon Walder pro la vere grandioza sukceso.

*AŬSTRIO:*
En Aŭstria Esperanto-Revuo *Febr.-Marto 1954* aperis anoncoj de la fervojista Fakgrupo pri jarkunveno, IFEF-kongreso kaj Feria Semajno en Zwolle (nederlando), al tiu lasta partoprenos la fervojista orkestro el Linz, entute konsistanta el 32 personoj. Bonega propagando!

* * *

En la organo de la Nederlanda Fervojista Sindikato aperis bona artikolo pri nia kongreso en Verona kaj speciala mencio pri la grava kresko de nia membronombro je 30%.

Post nia Va kongreso en Utrecht la tiea gazetaro volonte akceptas artikolojn pri nia movado. Tio klare montriĝas el la aperintaj artikoloj pri nia kongreso en Verona en *Utrechts Nieuwsblad* en Zuilens Nieuwsblad*. Precipe la lastnomita semajngazeto tre favoras nian movadon per enpresigo de Esperanto-kurso.

En HEROLDO de Esperanto, No. 10 de la 16a de Junio 1954, aperis konciza raporto pri nia kongreso en Verona. Ankaŭ en tiu ĉi raporto estis esprimita la ĝojo, ke IFEF kreskis dum la sepjara ekzistado al organizaĵo de 1600 membroj.

La Esperanto-Societo en Montevideo (Urugvajo) sendis al ni Boletin No. 9-10 de Aprilo 1954, kun la celo interŝanĝi reciproke niajn organojn. La ĉefestraro de IFEF tre ĝoja pri la kontakto, kiu rezultiĝis el nia regula alsendo de la IFEF-Bulteno por la Esperanto-ekspozicio en Montevideo esprimante la esperon, ke baldaŭ fervojistaj kolegoj aliĝu al nia organizo tutmonda.

* * *